

# FANZERANTO

Jaro 6 - Numero 08
Poŭzalegro
Minas-Ĝerajso
Brazilo
Septembro - 2015

## ĈI TIO ESTAS MIA USONO



BARRY FRIEDMAN

## LA CIVITO DE LA NEBULOJ 5

SYLVAIN-RENÉ DE LA VERDIÈRE

## LA KADAVRO, KIU NE KONIS SIN 7

FREDERIKO SAŬMI

# Sendu Enhavon!

*Fábio Silva*

Saluton, karaj legantoj. Jen la oka numero de Fanzeranto, sed en ĉi tiu numero ni informos al vi pri du novaĵoj, la unua estas, ke nia revueto, ekde nun, ne estos plu paperpresita. Eble kelkaj el vi demandos: kial ĝi ne estos plu presita? Unue, nia legantaro preskaŭ ne legas ties paperan version. Ili estis senditaj al kelkaj lernejoj kaj universitatoj de Poŭzalegro kaj regiono, sed ĝis nun tio ne montriĝis efika. Due, ni ne havas plu monsubtenantojn, do presi la revueton ne plu eblas. La dua novaĵo temas pri la enhavo de la revueto. Ĝi ne estos plu dulingva (portugallingva kaj Esperanto), la unua celo de la revueto estis montri Esperanton al nia regiono kaj montri nian regionon al la tuta mondo pere de Esperanto, sed la teamo de Fanzeranto estas malgranda kaj la traduklaboro kaj revizio ŝtelas multe da nia tempo. Do ni preferas uzi nian tempon serĉante interesajn aferojn por niaj legantoj. Ekde ĉi tiu numero ĝi estos nur en Esperanto.

Ni bezonas artikolojn kaj novaĵojn. Se vi volas, ke viaj tekstoj estu publikigitaj en nia revueto, informu nin, sendu viajn tekstojn al retpoŝto <esperanton@gmail.com>

Ni esperas, ke ĉiuj ŝatos la okan numeron kaj ni denove informas, ke la opinio de la artikolistoj ne necese spegulas tiun de la revueto.

FANZERANTO
Numero 8 - Ano 6
Septembro - 2015

Direktoro: Fábio Silva
Diagramado: Projektnesto Monda Lingvo
Bildoj: OpenClipart kaj OpenVector
Revizio: Jader Rodrigues da Silva
Ankaŭ helpis nin en ĉi tiu eldono: Sylvain-René de la Verdière, Barry Friedman kaj Frederiko Saŭmi.
Fanzeranto estas sendependa organo; la opinioj de niaj kunlaborantoj ne ĉiam spegulas la niajn.
**Kelkaj tekstoj ne estas ĝustigitaj, ĉar la aŭtoroj ne volas aŭ ne permesas nin fari tion, ni respektas tion.**

esperanton@gmail.com

# Ĉi tio estas mia Usono

**Barry Friedman**

Ĉi tio estas mia Usono, lando de malplenaj ŝancoj, de senskrupulaj viroj kaj anim-ŝtelantaj virinoj, babiletantaj idiotoj, kiuj batalas por la salivumita hundnutraĵo, fare de senkoraj industri-kapitanoj, kiuj estas simplaj soldatoj je siaj privataj vivoj, kretenaj negocistoj, kiuj postsavas iun formon de mem-estimo, per siaj agrablaj grizaj kompletoj, nigraj kravatoj, grizaj haroj, bluaj okuloj, kaj por kio, por hejmveni al nenio, neniuj libroj, nenia stimulo, nur la senmenseco de la televidilo ekblovanta la putrecon de generacio sensensigita per manko de io morala, utila, helpema por la estonteco, kun la poŝtelefonoj, kiuj radias ne nur kancerajn ĉelojn, sed pliajn kvantojn da idioteco ĝis la tuta bloko de junaj geklaĉuloj eniras mezaĝon kun neniu sagaco kaj neniu ŝanĝiĝo, disvolvantaj pot-ventraĉojn kaj faltiĝintan haŭton, kiuj kruele montras, ke la pagbudo baldaŭ venas, kaj rememorigas vin pri via ĉiam-ĉeestanta mortpuno, dum intertempe vi penas trovi signifon, ian celon, por scii la kialon, ke vi subite estas ĉi tie en ĉi tiu loko, kun brakoj, kun kruroj, kun etendiĝintaj trajtoj, kun nazo aŭ orelo, kun brusto kaj muskoloj, kun iPod-o aŭ komputila sistemo, kiu ĉiam rompiĝas kaj estas difektita senfine, ĉar ĉio estas difektita, kun mikroonda forno, kiu eksplodigas ĉion, kion oni metas en ĝin, ĉar ĝia sentemeco egalas la sentemecon de oreloj de hundo, kun bulvardaj gazetoj, kiuj disvastigas la plej lastatempan zumon de la tago, ne pli intelektan ol libro por infanoj, sed ĝuste tiel laŭmodan, inter la mezaĝuloj, inter la junaj plenaĝuloj, kiuj serĉas plezuron per sinperdado je likvoro, komputila pornografio, drogoj en velkaj, plataj, fum-pleniĝintaj kluboj en la mezo de nenie, en iu granda, tro-loĝantara urbo kun malriĉaj enmigrintoj ĉirkaŭ-piedirantaj je la rando de frenezeco kaj senhejmeco, piedirantaj cele al la blankulaj korporaciaj gekomerculoj, aŭ al la nigrulaj korporaciaj gekomerculoj, aŭ al la hispana-lingvulaj korporaciaj gekomerculoj, kiuj estas indiĝen-naskitaj en ĉi tiu lando grandioza, kaj neniam farus ion kalumnii la gloran reputacion, kiun ni establis post jaroj de mem-konstruado el nenio, el amaso de ĉevalosterko, kiu estis ŝutita sur ĉi tiun teron antaŭ jarcentoj, kaj ni ankoraŭ estas penantaj kompreni tion, kion ni diable faru kun ni.

Ĉu ni trovis ĝin fine? Ĉu ni akceptis la kulturon?

Ĉi tie ni estas, meze de la minacanta, preter-potenca teno de teknologio, kiu decidas niajn vivojn por ni, dum la pli junaj infanoj plenaĝiĝas kun neniu mem-fido, neniu komuna scio pri io, krom kiel premi aron de malgrandaj nigraj blokoj. Supren kaj malsupren kaj supren kaj malsupren, diskuti siajn sociajn funkciojn, siajn seksajn interrilatojn, siajn universitatajn vojojn (kie neniuj vojoj estis sekvataj, nur multaj dolaroj kaj multvalora tempo malŝparataj), por ke ili povu kunigi sin al la nelavitaj hom-amasoj kaj fariĝi la virabeloj, kiuj produktas la produktaĉojn, la verŝaĉaĵon doni al la porkoj, la malgrandaj porkidoj esperantaj en la pajlejo.

Se stratetoj estus laŭmodaj, tiam la mezklasuloj transloĝiĝus tien, kreskigus siajn familiojn en rubdeponejoj, nutrus ilin per putraĵoj, ĉar ili jam faras.

La superklasulaj infanoj fariĝas la malsuperklasulaj plenaĝuloj, serĉkaperantaj sian junecon, la junecon, kiu falis en la rubdeponejon, kiu estis elbalaita de la nebuleto de tut-konsumanta, detruema Usono de la estonteco, kiu forlasas simplecon, moralajn valorojn, la aprezemon de la simplaj plezuroj en vivo por naŭza ŝveligeco de artifiko, de senmenseco, de purgatorio, senfina purgatorio. La infanoj trovas, ke iliaj cerboj estis puŝataj pli kaj pli en viand-muel-maŝinon. Aliaj nacioj ridas al ni, markas nin esti nenio pli ol

se vi uzas interreton nur por eniri Facebook-n, ŝirkriegantaj infanetoj, longe post la naskiĝo, sed ankoraŭ en tia mens-inklino. Ni ĉiuj estas vagantaj ĉi tien kaj tien, serĉantaj mamon je kiu ni povus suĉi. Iuj trovas la lakton, aliaj restas soifaj, kaj ploras panike, ĝis ili revenas al ne-ekzisto, aŭ intence aŭ per intervenantaj fenomenoj. Kio ajn ĝi estas, ĝi estas ne-evitebla, ĉi tiu rompiĝo, ĉar kiu povas eviti rompiĝojn? Rompiĝoj estas ne-eviteblaj en mondo svarmita de teknologio. Teknologio ĉiam konservas sian difekton kaj al ĝi mankas la volo de homoj. Fiksi sin, kreski kaj maturiĝi, ĝi ne povas, kaj la homoj fariĝas kiel la teknologio. Ni maŝiniĝas, ni fariĝas mondo de motorizitaj, robotaj, regitaj, melankoliaj, narcisistaj, Evian-trinkantaj, Pilates-praktikantaj, realec-televid-spektakla-rigardantaj, McDonald's-manĝantaj, Bud-pala-trinkantaj, best-turmentantaj, cigared-fumantaj (malgraŭ la evidenta portalo al la tombo), intelekte malplenaj ĉimpanzoj, ĉirkaŭvagantaj nian bestoĝardenan kaĝon, fiksrigardantaj la spektantojn, kiuj re-fiksrigardas nin malgaje kaj kun solena timo, solena timo de konfuzo kaj ŝoko. Ni estas ne-kompreneblaj. Kiu povas kompreni kulturon, kiu neas la krean spiriton, la bezonon pligrandigi la menson kaj enpreni ĉion, kio estas ĉirkaŭ ni. Neniu zorgas. Neniu serĉas ion preter la lud-spektakloj, la super-vendejo, la ekzercejo, la interreto, la youtube-aj vidbendoj de 14-jara knabo vomanta aŭ gluanta elektrodojn sur katojn, aŭ sur proprajn piedfingrojn. Neniu serĉas Shakespeare, Joyce, Hemingway, Wilde, Tchaikovsky, Chopin, Rembrandt, Alvin Ailey, Woody Allen, Sid Caesar, Neil Simon, Bach, Alexander Fleming, Allen Ginsberg, Walt Whitman. Ne unu homo abomenas tion, kio la mondo fariĝas nuntempe. Ni cedis ĉion kontraŭ seksaj ŝercoj, neceseja humuro, naŭza perforto, kaj homa groteskeco, kiuj estas ofertataj al ni nun. Ok-jaraj knaboj scias la signifon de la vorto "vagino". Ili uzas ĝin dum ilia ĉiu-taga parolado. Tamen, kiam ili havas 30 jarojn, ili ankoraŭ ne konscias, ke Robert Louis Stevenson malpravis rilate al unu observo: homo ne havas du flankojn, nur unu: tiun de la malsatega idioto, kiu volas konsumi nur la materialaĵon kaj vomi la restaĵon. Ĝi estas ne-utila al ili. Kiel ĝi gajnos por ili monon, alportos al ili la fritîtan nutraĵon, la sport-utilecajn veturilojn, kiuj estas altaj 40 futojn kaj kondukas ilin rekte en mortigan akcidenton. Al juristoj, la parameŝiumoj de la homa raso, estante pli malaltaj ol algoj, al kuracistoj, kiuj scias la tuton pri la homa korpo, sed nenio pri la homa menso, aŭ animo, aŭ spirito, aŭ energio, al asekuraj alĝustigantoj, kiuj alĝustigas nenion krom la falsan memfidon de persono, al mezokcidentanoj, kiuj vivas siajn vivojn ete super la nivelo de komatulo, kiuj povas vidi nenion pli en ĉi tiu mondo ol la maizkampoj ĉirkaŭantaj ilin, ol la blankaj poŝtskatoletoj, la nigraj sentegmentaj kamionetoj, kiuj reflektas kamparan ĉarmon, la unu-etaĝaj domoj kadukaj ĝis la tuj kompleta disfalontoj. Ne estas en ili eĉ unu libro ĉiaokaze. Kial gravas? Al la novjorkanoj, kiuj vivas en siaj kapoj kaj neniam ekstereniras, kiuj opinias, ke ili estas la gloraj intelektuloj de Usono, sed fakte mensogas al si. Kiuj neniam legis seriozajn librojn, eĉ unu tagon dum siaj vivoj, sed babilas plu kaj plu kaj plu. Kvazaŭ ili estas elitaj kompare kun la ceteraj neandertaloj, kiuj formas ĉi tiujn vastegajn vicojn, ĉi tiun larĝan malfermitan spacon, kiu estas marasma, plenigita per homoj, kiuj faras nenion kun siaj ŝancoj. Kiuj permesas, ke la juneco trarapidas, sen konstati la talenton, aŭ kiuj ja konstatas ĝin, sed forĵetas ĝin kontraŭ la komforto de botelo de Jack Daniels sur la maldelikataj lipoj. Elmanĝegantaj la drinkaĵojn kaj la karierojn, ĝis ili fariĝas maljunaj kaj dikaj. Pasigantaj la tagojn en la kuracistejo, en la dializa maŝino, havantaj operaciojn. Iliaj infanoj forlasis ilin, tamen restas sur la sama vojo kun la samaj kutimoj, ankaŭ irantaj al la kuracistejo, la dializa maŝino, havantaj operaciojn, sed nuntempe ili estas junaj, iliaj haroj estas malhelaj, iliaj movadoj estas viglaj, ili povas dorloti sin ĝis siaj detruoj. Kial ili maltrankviliĝu pri la maljunaj usonanoj? Ĉi tio estas mia Usono. Je Dio ni devas demandi al ni pri tio, kio malboniĝis.



# La civito de la nebuloj

**Sylvain-René de la Verdière**

1- Ĉie, tenebrojn malsanigajn la mallumulo kaduka elverŝas.
Kvazaŭ nigraj fumaĵoj kiuj fantomus la nokton, elvaporiĝas civitanoj.
Iom post iom, dum la realeco vekiĝas ĉe la Civito de la Nebuloj, malaperas konstruaĵoj.

2- Fabelaj insektoj ĉirkaŭflugas malantaŭ la palpebroj de la knabeto.
Ĉiam, kiam li vizitas la Civiton de la Nebuloj, li raportas etajn aĵojn por ĝin ne forgesi.

3- Nenomeblaj kreaĵoj frekventas la melankoliajn stratetojn, kunpremitajn inter ciklopaj turoj kaj plejaĝaj ruinaĵoj.
Ĉirkaŭe, flagras ĉiu sub ilia masego.

4- Kiel tien iri?
Oni ne scias.
Ĉiam kaŝiĝas la irejoj en la nenion, ĉiam malaperas la vojoj subite.
Kiel de tie reveni?
Estas la plejgranda mistero.

5- Ĉu la sonĝanto apartenas al la Civito, aŭ inverse?
Ĉu ili sin rigardas reciproke?
La rondo de la sonĝoj ĉirkaŭas la pensadon, kvazaŭ turbano ĉe la kapo de la maŭro.

6- Ŝlosu la okulojn kaj ŝaltu la menson.
Tra la nebulo, vi eble rajtos spekti la superbon de la Civito titana.

7- Abomenas la reĝo, kiu ĉefas la Civiton
Neniu postvivas, kiu krucas lian vojon.
Nenio de li tuŝita radias.
Ĥaos' oni lin nomas.

8- Tamen ĉiu aspektas trankvila al la vizitanto.
La multkoloraj butikoj lin tentas.
La ravaj dancistinoj, iliaj oraj ornamaĵoj kaj nevideblaj roboj,
Por ĉiam lin enprizonigas.

9- Iufoje elglitas el la Civito, invadante dormantan korpon, iu ajn gelateneca aĵo,.
Poste oni nomas Frenezeco tiun biasan aspekton kiu rezultas de tia posedaĵo.

10- Iam mi vidis vojaĝanton, manĝitan de monstro.
Aŭ eble estis iu ajn inversa afero.
Mi ne certas.
La ulo ŝajnis dotita de strangaj pintdentoj.

11- Kreaĵoj ofte posedas sensensajn proporciojn, ĉu horore elstarantaj ĉiujn konstruaĵojn, aŭ rideble etiĝantaj kvazaŭ insektoj.
Nekompreneble distordiĝas spac'.
Oni kelkfoje vidas sonĝvojaĝantojn, vekiĝi pli juna ol kutime.
Ankaŭ ne ordinaras la temp'.

12- Fantasta estas la river' kiu fluas tra la nebul'.
El ĝi radias la lumo mirinda de la homa viv'.
Per ĝi vojas la sonĝaro absurda de la homa dorm'.

13- Tra la prisma monto, difuzas abisma lumo
Sur la bruma Civito, glitas melankolia brilo.

14- Obsidianaj golemoj ĉirkaŭe vivas
Ĉiujn vivaĵojn ili protektas
Kiam tien vi deziros eniri
Al ili permeson ne forgesu peti.

15- Preterspace la Civito staras
Nur personĝe, tien oni iras
Ajnaj religioj neniam ekzistos
Ĉar je aliaj dioj, la Dioj ne kredos.

16- Fore malantaŭ la Civito
Staras de la sonĝoj la fabriko.
Dispuŝante la foliojn de la arbetaĵoj
Aperas la kamentuboj de la uzinoj.
Revaj fumoj disformaj eliras
Kolorigitaj de multaj sonĝoj ili flugas.

17- Klakantaj aŭtomatoj
Frekventas la antikvajn kvartalojn
De kadukulo ili estas kreitaj
Genio ermita por ĉiam nevidebla.

18- Ĉe la templo giganta de la tri fontoj
De la astroj la multego aperos
Malrapide kaj en surdigaj litanioj
La tutan homaron ĝi neniigos.

19- Neniu scias kie la templo staras
Nek de kiam la profetaĵo datiĝas
Sed ĉiuj timas pri la morto de siaj kreantoj
Kiuj nokte agas per mirindaj revoj.

20- Ĉe tiuj fontoj interkomunikas ambaŭ mondoj
Nur tie la homaro sin konservos
Por ĉiam fermante la ununurajn vojojn
Tra kiuj la morta multego aperos.

21- Oni diras ke antikvaj dioj sub la Civito vagas
Ekzilitaj el ie ili kreis ĉiujn aĵojn
En kirliĝanta vortico de multoblaj dimensioj
Astroj kaj subteraĵoj sin konfuzas.

22- Tempo de la Revo, iuj nomas la subteran mondon
Kvazaŭ la origin' de l'univers' ili pentras ĝin
Neperceptebla Tao, subtere rampanta
Gvatas l'horora besto prapatra.

23 – La nigre brilanta stel' estas vojo
Per kiu oni povas vidi
De la Nebuloj la fabelan Civiton.
Sed de tie oni ne povas iri
Ĝis la mirindaj nevideblaj stratoj
Kiujn dormante la vojaĝanto rajtas kontempli.

24- Iom post iom malaperas la Civito
Ĉar la sonĝantoj timas pli kaj pli.
Se ankaŭ malaperos la aventurulo
Baldaŭ oni ne povos ĝin trovi.

25- Je la Civito vi ankoraŭ ne kredas?
Do fermu la okulojn
Kaj rigardu la tenebrojn
Por serĉi la stelon kiu nigre brilas.

---

** Mi dankas al Ludivine Delnatte kaj Jake Pentland pro la helpo.*

# La kadravo, kiu ne konis sin

**Frederiko Saŭmi**

Je la komenco estis la ĉielo kaj la tero. La treege bela etulino naskiĝis en la fajrlando. Hella ŝatis ludi sur la plenfloraj kampoj kaj verdaj arboj de sia mondo. Tie ankaŭ loĝis aliaj afablaj bestoj. Laŭ ŝi, ĉiuj vivaj estaĵoj estas amuzaj. El ĉiuj, ŝi amis speciale ludi kune kun tri el ili: Kirj, Loŭlj kaj Poŭ. La unua besto nek aŭdis, nek vidis perfekte, pro sia maljuneco. La dua estis lerta kaj ĝi havis la plej bonan flaron de la planedo. La tria kaj lasta estis la plej malgranda el ili kaj ekde sia naskiĝotago ĝi akompanis ŝin.

Unu tagon Hella aŭdis strangan frazon el nekonata almozulo:

— Kiam vi vidos brilimon...en tiu tago, vi ne plu vidos viajn agrablajn amikojn
— la olda viro profetis al ŝi. Bedaŭrinde kiam ŝi aŭdis tion, ŝi sentis malagrablan senton pri tia pensado. Ili estis kune kun ŝi ekde kiam ŝi debutis en la mondo, do ŝi ne konsideris tiun komentarion. Ŝi ne forlasus siajn amikojn. Krome, ŝi demandis nenion al la maljunulo.

— La tempo pasis kaj ankaŭ kuras! Kaj ni kuras kun ĝi. Aŭ ĉu la tempo kuras tra ni, aŭ per, eble? Ĉi tio ne plu estas grava nun — ŝi pensis. Ĉio okazis nokte. Tiam, la tempo prezentis ŝiajn cikatrojn: ĉiuj malĝojaj realecoj estis sentitaj en tiu nokto. Do, ŝi vivis la plej acidan realecon de sia vivo.
La turno-vento de senfinaj kaj strangaj eventoj, kiu trapasis ŝin, alvenis al la fino.

Ŝi estis ankoraŭ paralizata, nekompreneble, antaŭ tiu ekstravaganca matematiko pri la kadavroj. — Vi konas min pli bone, ol mi mem konas min! — ŝi lace konfesis. Tiam finfine mateniĝis.

— Spirado estas ĉio — la maljuna viro diris al ŝi. Tio estas unu el liaj multaj klasikaj frazoj. Ŝi estis, ankoraŭ spireginte, sidanta sur la ŝtono. Li estis rigardanta apud ŝi. Dum kelka tempo, neniu babilado. Li prizorgante brakumis ŝin per siaj trankvilaj okuloj.

— Vi meritas premion — li flustris al ŝi kun rideto sur sia vizaĝo. Li komforte malleviĝis kaj ĝentile metis siajn manojn sur ŝiajn ŝuojn por senŝuigi ŝin. Ŝi, ankoraŭ hebetece pro la perdo de siaj tri bonaj amikoj, kaj sen kompreni la agon de li, nur rigardis lin strange.

— Kadavro malestimas ŝuojn. Memoru ĉi tiun konsilon — diris la saĝulo, samtempe forigante la lacajn ŝuojn de ŝiaj delikataj piedoj, kiuj ne sentis la freŝan teron sub ŝiaj nudaj piedoj ekde la tempo, kiam ŝi estis infano.

Tiam la senvestaj piedoj tuŝis la rosan greson. En ĉi tiu momento, ŝi vidis la estaĵon. Ĉarma brilimo milde eksidis sur unu el ŝiaj manoj. Tiam ŝi sentis agrablan ektremon tra sia tuta korpo. Ĉi tiu afabla ektremo sur ŝia korpa haŭto estis kiel delikata kareso de la amata persono. Ŝi sentis interne la brilan lumon, kiu karesis sian animon.

Do, finfine Hella sentis siajn piedojn, nun tute nudajn. Ŝiaj sentoj estis vekitaj: ŝi aŭdis la muzikecon de la vento, kiu emanis de la foliaro de la arbaro; ŝi povis senti la kolorojn de la aromoj de la trapasantaj floroj tra siaj korpo kaj animo, kaj tiel plu. La humila Gvandii stariĝis kaj donis al Hella: bovlon, nadlon kaj silekson.

— Nun mi pensas ke vi scios kiel uzi ĉi tiun ilon — kaj rigardante al ŝi, ĝentile li palpebrumis al ŝi kaj diris: — Sublimi estas ankaŭ nepre necese — alia frazo, kiun li ŝatis diri al ĉiuj en la adiaŭa momento. Do la plejaĝulo foriris kun sia ĉarma, magneta, taŭga kaj luma rideto sur sia vizaĝo.

Tiam ŝi kaptis la ĝustan amplekson de la vivo kaj kriis kvarventen pri la fina venko:
— Kia sensacio MIIIIII-RIIIIIINN-DA-A-A! Uhhĥuuuŭ, tiu momento estas simple....
— En la daŭro de mia tuta vivo mi neniam vidis tiel ĉarman, belan estaĵon!

Tiam la saĝulo, kiu estis ankoraŭ proksime, nur ridis kaj diris al si mem: — La mondo estas vere bela loko por vivi bunte! Alivorte, simple... — kaj li revenis al sia vojaĵo tra la mondo kun siaj tiel belaj kaj ekzotaj estaĵoj.







